FONDITA en 1908, TRIA SERIO

31a JARO - N° 214. Feb. 1963

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

## NI ĜOJU

Antaŭ unu jaro, ni partoprenis specialan kunvenon en Lyon...

De tiu momento ĝis nun, ni povas ĝoji pri la vojo sekvata.

La kultura semajno en Grésillon kaj la nacia kongreso en Baugé kondukis nin al la Forumo de Romo, pri kiu ni detale raportis en la decembra numero de nia Revuo, kaj al la Universala Kongreso en Kopenhago.

En Kopenhago, ni eksciis pri la interesiĝo de la Internacia Asocio de Geinstruistoj pri Esperanto kiel komuna internacia lingvo. Jam, nia kara amiko Malmgren multe laboris en tiu afero, kaj ni alportis al li sufiĉe gravan kunhelpon.

Pro la Forumo de Romo kaj la raporto en nia Revuo, la Ministerio pri Junularo, Sportoj kaj Popoledukado decidis subvencii de nun nian Asocion nacie, niajn Federaciojn pere de la Regionaj Akademioj, kaj niajn Centrojn Kulturajn pere de la Departementaj Administracioj de la Ministerio.

Samtempe, ni eksciis, ke, pro la rezultoj de la Forumo de Romo, la jugoslava administracio decidis enkonduki devige la instruadon de Esperanto en la seminariojn por geinstruistoj de Split.

Post kelkaj semajnoj okazos nia dua kultura semajno en Baugé, sekvota de la kultura semajno de la Francaj Popoluniversitatoj kun partopreno de la iama Ĉefministro André Marie. Kelkaj semajnoj poste, ni iros al Perpignan por partopreni nian nacian kongreson, kaj poste, al la porinstruista konferenco en Beograd kaj al, la Internacia Kongreso en Sofio.

Ni praktike uzas esperanton, ne perdante tempon en hakado de haretoj...

Jes prave, ni ĝoju !

P. PETIT.

DONACOJ :

| | |
|---|---|
| Anonimulo (J) | 2,25 |
| S-ro Bordier | 0,50 |
| S-ro Bonvoison | 4 |
| S-ro Granger | 1,75 |
| S-ino Vincent | 0,74 |
| S-ro Perrelet | 22,50 |
| S-ro L. Dubois | 20 |
| S-ino Coulon | 13 |
| S-ro Vassas | 0,50 |
| S-ro Tabernat | 13 |
| S-ro Lavergne | 2,50 |
| S-ro C. Martin | 5 |
| S-ro P. Petit | 1,50 |
| S-ro Lesage | 3 |
| S-ro R. Martin | 0,50 |
| S-ro Legret | 2,50 |
| F-ino Horne | 5 |
| S-ro Garrigue | 1 |
| S-ro Delichampt | 20 |
| S-ro Texier | 1,40 |
| S-ro Coccoz | 3 |
| S-ro Dettwiller | 0,50 |
| Ges-roj Yelland | 10 |
| S-ro Javer | 2,50 |

FONDUSO BASTIEN : F.F.E.A. : 50 Fr.

SUBTENANTAJ MEMBROJ : S-roj Cadenel, S-ro Romano-Joly, Jaegy, C. Martin, Petit, Amouroux, Delahaye, Llech-Walter, F-inoj Vidal, Boiton, S-roj Henaux, Biebel, S-ino Pingris, S-ro P. Gerard.

DUMVIVAJ MEMBROJ : D-ro Tortel, S-ro F. Simonnet.

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO
**OFICIALA ORGANO DE U.E.F. (Unio Esperantista Franca)**

**34, Rue de Chabrol, Paris X^e^ - C.C.P. 855-35 Paris**



**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. Pierre PETIT,** U.E.F., 34, rue de Chabrol, PARIS X^e^. Tél. : PRO. 55-03.


Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**I. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses nouveau statuts, l'U.E.F. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.E.F. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** ... | **50 NF.** | |
| « **DONATEUR** à.... | **25 NF.** | Ces membres reçoivent la revue « FRANCA ESPERANTISTO » |
| « **TITULAIRE** ...... | **12 NF.** | |
| « **DONATEUR** ..... | **25 NF.** | |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **6 NF.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ..... | **3 NF.** | Ces membres reçoivent un bulletin d'information en français |
| « **ETUDIANT et JEUNE** .......... | **1,50** | |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.E.F. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 8 NF. — Etranger : 10 NF.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

| | |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (MJ) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. (*) .... | **10 NF.** |
| « **ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » (*) .......... | **20 NF.** |
| « **SUBTENANTO** .......................... | **30 NF.** |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** ................ | **15,50** |

(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.

(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.

## INTERNACIA KONFERENCO DE LERNEJOJ EN KIUJ ESPERANTO ESTAS INSTRUATA

La internacia konferenco de la lernejoj en kiuj Esperanto estas instruata okazos la 29, 30, 31-an de julio kaj la 1-an de aŭgusto 1963 en Beograd (Jugoslavio).

**La tagordo de la konferenco** konsistas el jenaj diskutendaj temoj.

1) « Kontribuo de Esperanto al la internacia kompreniĝo » ;

2) « Kontribuo de Esperanto al la ĝenerala instruado » ;

3) « Ĝisnunaj organizaj spertoj rilate al la enkonduko de Esperanto en la lernejojn de opaj landoj kaj niaj komunaj taskoj » ;

4) « Modernigo de E-instruado kaj unuigo de ĉiuj fakaj fortoj je tiu plano » ;

5) « Okupiĝo pri infanoj kaj junularo ekster la E.-instruado ».

Krom la labora parto estas antaŭviditaj diversaj kulturaj kaj amuzaj aranĝoj, vizitoj, promenoj, ktp.. pri kies detaloj bonvolu legi en sekvantaj informoj kaj aparte presita Programo.

Krom la reprezentantoj de la lernejoj en kiuj Esperanto estas instruata la konferencon rajtas partopreni la oficialaj delegitoj (komisiitoj por la instruado) de opaj landaj asocioj. Estas sugestinde ke la landaj asocioj monhelpe ebligu kaj faciligu al la reprezentantoj kaj delegitoj partopreni la konferencon.

**La renkontiĝo de la infanoj :**

La konferencon el ĉiu lando partoprenu ankaŭ 1-2 gelernantoj (8-15 jara) bonege regantaj la lingvon. Por ili estos aranĝita aparta programo en kies kadro okazos Internacia instruhoro modele kaj publike organizita pure en Esperanto. La temo de la instruhoro estos el la branĉo de la internacia edukado.

**Esperanto ekspozicio :** « Esperanto en la servo de edukado ».

La celo : montri la evidentan utilon de Esperanto por la ĝenerala instruado en la lernejoj kaj edukado.

La instruistoj esperantistoj el diversaj landoj estas petataj sendi ion el jena necesa materialo : 3-5 belaj poŝtkartoj, 5 infanaj desegnajoj, diapozitivoj aŭ lumbildoj, gramofondiskoj, magnetofonbendoj kun « sonaj leteroj » (kantoj, recitajoj, salutoj, ktp.), infanaj manlaborajoj, skribaj taskoj, nacilingvaj lernolibroj (komenca ABC libro por elementa lernejo, unua lernolibro por ekkoni la naturon), geknabaj gazetoj, papermona unuo de via lando, kolektivaj fotoj kaj ĉio alia kio povus kontribui al la pli bona kono de la ekzistanta nivelo de la instruado kaj edukado en diversaj landoj.

**Limdato por la aliĝo** estas la 1-a de majo 1963 sed estas dezirinde ke la aliĝado finiĝu kiel eble plej baldaŭ.

**La adreso** de la Organiza Komitato : Jugoslavia Esperanto Ligo (por IKL) Terazije 42, Beograd, Pf 201.

## LA ANGULO DE LA GRUMBLULO

Mi ne volus kritiki iun ajn, nek precipe inspiri al la — jam tro maloftaj — kunlaborantoj de niaj francteritoriaj gazetoj aŭ bultenoj ian timon antaŭ la skriba uzado de nia lingvo. Mi pli volonte riproĉus al iliaj redaktoroj ne sufiĉe kontroli la lingvan korektecon de la kontribuaĵoj, aŭ heziti antaŭ sia devo, kiu estas forigi la erarojn gramatikajn aŭ stilajn.

Inter la okulofendaj formoj, kiujn mi renkontis, mi elektos kelkajn, pri kiuj mi supozas, ke simpla atentigo malaperigos ilin definitive, almenaŭ sub la plumo de la kulpintoj.

La unua kategorio konsistas el vortoj tute korektaj, sed kiuj estis uziaj en malĝusta senco, sub la influo de la patrina lingvo. Ekz-e « morala raporto » estas raporto, en kiu ne troviĝas porkaĵoj, aŭ kiu instigas al virtaj agoj, aŭ kiu pritraktas nemateriajn interesojn ; sed tiu esprimo evidente ne povas traduki la francan « rapport moral », kiu estas la « raporto pri agado », aŭ simple la « estrara (resp. sekretaria) raporto ».

Estas certe, ke ambasadoro reprezentas sian patrujon, sed egale certe estas, ke « tiu krio de la koro reprezentas la plej valoran rekompencon por ili » aludas pri tute alia afero ; ni do diru : « tiu krio el la koro prezentas... »

« Halti » estas unu el tiuj kelkaj tre uzataj verboj, kiel « ĉesi, kuŝi, promeni » ktp., kies netransitiveco prezentas kaptilon : oni do atentu ne diri : « la bulteno ne haltis sian iradon » sed ja « haltigis » ! Kio cetere ne signifas, ke oni ne povas trovi akuzativon post « halti » : sufiĉas, ke ĝi ne estu rekta komplemento, ekz-e en la frazo « ni tie haltis la tutan tagon ».

Fine, jen malmodela frazo, kiu, kvankam mallonga, enhavas tri erarojn : « Se iu pastro venas por min konfesi, ĉasu lin rapide ! » Ni flanklasu la unuan, ne tre gravan (ĉar evidente la veno ne okazas, sed okazos, oni diru : se iu pastro venos... malgraŭ nia franca abomeno al la futuro post « se ») ; due « konfesi » signifas « deklari » iamaniere, kaj oni ne povas deklari homon ; temas ĉi tie pri la religia rito, rilata kun la konfeso de la pekoj, kaj de E-o oni tiam distingas inter « konfespreni » (pentanton) kaj « konfesdoni » (al pastro). Trie, oni ĉasas nur tion, kion oni esperas kapti, ekz-e leporon aŭ leonon : ne estas ĉi tie la okazo, do oni prefere ordonu lin « forpeli ».

La dua kategorio tuŝas la uzadon, adjektivan aŭ substantivan, de la participoj. Oni instruas en la elementaj kursoj, ke la sufiksoj - ant- kaj -at- indikas la nuntempecon, -int- kaj -it- la pasintecon : tio valoras egale ĉe la derivitaj formoj, kaj estus tute klare, se ne ekzistus tiu diabla franca lingvo ! Se vi skribas, ekz-e, ke via « sekcio, bone gvidita, konas veran sukceson », vi tute ne faras gramatikan eraron, sed vi esprimas la ideon, ke la sukceso estas ŝuldata al la gvidado de persono, kiu nun eksiĝis kaj ne plu gvidas la sekcion ; se vi intencis male laŭdi la konstantan agadon de la persono, skribu pli ĝuste : « bone gvidata ».

Raportisto pri kongreseto asertas, ke « la unuan tagon ĉiu partopreninto ricevis ĉambron » : kvankam tio ne ŝajnas unuavide superhoman atingon, la frazo post kelka pripensado restas enigma : ĉar « partopreninto » estas persono, kiu partoprenis, sed ne plu partoprenas : kiel do tiuj ruzuloj povis ne plu partopreni jam en la unua tago, kaj tamen ricevi ĉambron ? Mi supozas, ke la aŭtoro de la frazo intermiksis la enskribintojn kun la partoprenantoj : kongresorganizantoj lin ne imitu, mi petas !

El la plumo de bona esperantisto mi legis noteton pri la « eraroj entenitaj en la U.V. » : mi komence supozis, ke la U.V. feliĉe ne plu entenas tiujn erarojn, sed la daŭrigo montris, ke la malo estas vera. Li intencis evidente skribi « entenataj », sed la franca « contenues » delogis lin, ho ve ! Mi revenos al tiu temo en alia artikolo, kaj provos doni simplan rimedon eviti tiajn konfuzojn.

G. WARINGHIEN.

---

**PER RADIO**

Budapeŝt, la 20-an de 8-1962

**CQ — CQ — CQ de I.L.E.F.**
**al ĉiuj Esperantistaj S.W. Radiomatoroj !**

Kultura kaj propaganda Instituto de la « Internacia Ligo de Esperantistaj FO - KI -MA / foto — kino kaj magnetofon - amatoroj / intencas eldoni filmrubandojn en Esperanto teksto pri laboro de Esperantistaj Mallongondaj Radiomatoroj.

La eldonotaj filmrubandoj enhavos 400 bildojn (blanka-nigrajn aŭ kolorajn) el la vivo kaj laboro pri la tiuj radioamatoroj, kiuj uzadas la internacian lingvon en la mallongonda amatora radiotrafikado.

Titolo de la filmrubandoj estos :

**Esperanto en la Internacia Trafikado de Radioamotoroj**

Ni atendas por nia filmbild-serio multajn materialojn el la vivo de radiomatoroj, pri la radiostacioj, operatoroj, radioĉambroj.

QSL karto estas bezonata, kaj sendu koncizajn priskribojn pri rezulto de la stacio, laboro de la operatoroj.

Por la preparo de la filmrubandoj, ni petas akrajn bonsukcesajn fotojn en mezuroj — senkadro — nur 9 x 12 cm-roj. Aliajn mezurojn ni ne povas akcepti por la reprodukado.

Sendu ĉion al adreso : **Esperanto I.L.E.F., Budapeŝt 119. Poŝtkesto N° 6, Hungario.**

Amike kaj bonajn 73.

Via amiko : Prof Arpad POLOŜKEY, eks H A 6 A G.

# KUNSIDO DE LA KOMITATO DE U. E. F.

**la 9-an de decembro 1962**

**La komitato kunsidis de la 9-a kaj duono ĝis la 12-a horo, kaj de la 13-a kaj duono ĝis la 18-a kaj duono.**

Ĉeestis :

**La Prezidanto** : S-ro Llech-Walter.

**La Komitatanoj** : S-ino Coulon, D-ro A. Albault, s-roj R. Blanc, J. Chapellier, Gouget, Giloteaux, J. Guillaume, J. Mahé, P. Petit, G. Rougetet, J. Rousseau, J. Thierry.

**Senkulpiĝis per letero** : S-roj J. Asquieri, D. Chagnoux, Fr-ino kaj s-ro Garrigue, J. Manceau, H. Micard, R. Motto kaj G. Odent.

**A. — ADMINISTRAJ DEMANDOJ :**

1. — **Financa situacio — Fonduso Bastien.** — Ni aĉetos bronzaĵon por meti sur la tombon de s-ro Bastien kaj oficiale inaŭguros dum aprilo venonta.

Ek de nun, « l'Union Espérantiste Française » ŝanĝis sian nomon je « Union Française pour l'Espéranto ». Sub tia nova nomo, s-roj Guillaume kaj Rousseau konservas la rajton agi, laŭ financa vidpunkto, kiel antaŭe.

La konsilio akceptas la financan raporton de s-ro Rousseau kaj gratulas lin.

2. — **Statutoj.** — Post interveno de s-ro Gouget, la 2-a alineo de la §-o 13 estas komprenota tiel ke ĉiu persono rajtas nur **unu** voĉon, ĉu en la kadro de la federacio, ĉu en la kadro de la fakasocio.

S-ro Rougetet klarigas la nunan staton de la klopodoj farataj por agnosko de publika utileco.

3. — **Intergrupa konkurso.** — La konsilio akceptis la projekton de intergrupa konkurso kaj decidis ke 3 premioj konsistos el restado en Grésillon.

**B. — RENKONTIĜAJ DEMANDOJ :**

4. — **Nacia Kongreso.** — La Prezidanto precizigas la decidojn de la L.K.K koncerne la programon de Pentekosto 1963 en Perpignan : la aliĝilo aperos en la februara numero de « Franca Esperantisto ».

5. — **Paska kultura Semajno en Grésillon 1963.** — S-ro Llech-Walter prezentas la diversajn erojn de la programo por la paska kultura semajno. La konsilio gratulas al la organizanto.

S-ro Petit raportas pri sia partopreno en la renkontiĝo de Marly. Interalie, pri la ebleco de oficialaj prelegantoj en la Junulaj Asocioj. La konsilio gratulas lin.

6. — **Universala Kongreso en Sofio.** — S-ro Rousseau informas pri la eblecoj veturi per aviadilo, aŭtoĉaro kaj trajno al Sofio.

7. — **Federacia Renkontiĝo.** — Post interŝanĝo de ideoj inter s-roj Llech-Walter kaj Giloteaux, la konsilio notas la bondezirindecon de federaciaj renkontiĝoj kiel amikaj kunvenoj ; krome, ĝi notas la proponojn de nacia kongreso el Caudry (Nord) kaj Parizo (foiro).

**C. — INSTRUAJ DEMANDOJ :**

8. — **Lerneja Komisiono.** — En sia raporto s-ro Blanc, diras . Post kuraĝigaj rezultoj en la instruado de Esperanto dum 1961-62, necesus :

— daŭrigi kaj ampleksigi la laboron, kie ĝi jam efikas.

— informi instruistaron kaj lernejestrojn pri niaj rezultoj.

— strebadi al malfermo de multaj novaj kursoj, kiam troviĝas kompetentuloj por ilin gvidi.

— aligi la gelernantojn al la movado per pago de minimuma kotizo.

— konigi la Kulturdomon kaj konsili restadon en ĝi.

Post la sukcesaj Kultur-semajno en Grésillon (Paskon 1962) kaj Forumo en Romo,

— fari ĉion eblan por konkeri al Esperanto aliajn instruist(in)ajn seminariojn.

— celi al laŭpaŝa oficialigo de Esperanto-instruado per klopodoj ĉe edukaj instancoj : la lasta statistiko kaj la sukcesinta kultursemajno helpu nin por renovigi la cirkuleron 1938 : Esperanto elektebla temo en la lernejoj.

— aperu alvoko en Franca Esperantisto, post pli precizaj informoj en Jugoslavio, por instigi francajn Esperanto-instruistojn al partopreno je la konferenco en Beogrado.

9. — **Franca Esperanto-Instituto.** — Post raporto de s-ro Thierry pri Franca Esperanto-Instituto, la konsilio notas la novan ekzamen-programon ; kontraŭe al la konkludoj de la raporto ĝi decidas prokrasti la demandon pri la nova reorganizo kaj la kompletigo de la membraro. (8 voĉoj por, 1 sindeteno, 3 kontraŭ ĉi tiu decido).

10. — **Perkoresponda kurso de U.F.E.** — Pri la perkoresponda kurso de U.F.E. la konsilio decidas resendi la demandon al la venonta kunsido per 10 voĉoj kontraŭ 1.

**D. — ELDONAJ DEMANDOJ :**

11. — **« Franca Esperantisto ».** — Post raportoj de S-roj P. Petit, J. Rousseau kaj A. Albault, la konsilio plezure notas la regulan aperadon de la revuo. Post mallonga debato pri la enhavo, la konsilio konsentas pri la unua numero de la franclingva bulteno redaktita de D-ro Maillard kaj decidas, ke ĉi tiu bulteno en franca lingvo estas sendota, principe al ĉiuj kursgvidantoj kaj nur eksterordinare al unuopaj membroj.

La konsilio prokrastas la proponon de S-ro Micard ĝis venonta kunsido por plua esplorado de la demando, en la ĉeesto de S-ro Micard (unuanime).

13. — **Konsiloj al la Grupoj.** — La verketo « Konsiloj al la Grupoj » aperos ĉe Coconnier kaj oni enmetos la novan programon de la ekzamenoj.

**E. — INFORMAJ DEMANDOJ :**

14. — **Forumo de la Popoluniversitatoj.** — La tuta bilanco morala kaj financa estas ekzamenita de la konsilio.

15. — **U.E.A. — Lastaj informoj.** — D-ro Albault donas informoj pri « 1963-Junulara Jaro » okaze de kiu TEJO organizos naciajn oratorajn konkursojn. Estas decidite, ke U.E.F. helpos al organizo de oratora konkurso en Perpignan kaj donos subvencion al la laŭreato por la vojaĝo al Sofio.

Rilate al la cirkulero de S-ro Woessink, la konsilio decidas unuanime, krom sindeteno de D-ro Albault, ke per la reorganizo de U.F.E. oni povas esperi duobligi la nombron de la asociaj membroj dum la jaro 1963. — Tiu ĉi solvo ŝajnas pli bona ol la duobligo de la kotizoj.

17. — **Diversaĵoj :**

a) Pri la leteroj de Zamenhof, oni provizore decidas konservi ilin.

b) Pri la 13-a §-o de la reglamento, kaj sekve de rimarkigo de S-ro Gouget estis decidite almeti, per stampilo, la 3 linian alineon, kiu forfasis dum la presado.

Parizo, la 9-an de decembro 1962,
La protokolinto : J. CHAPELLIER.

# ALARMKRIO
# NENIO NOVA SUB LA SUNO!

**Same kiel antaŭ tridek jaroj (La Movado, 1933, Franca Esperantisto, 1934), D-ro Pierre Corret, tiama Akademiano kaj ĝisosta fundamentisto, sentis la bezonon serioze admoni la francajn esperantistojn, ke ili flegu sian lingvon, same, mi sentas mia devo (1) (ĉar neniu alia tiras la alarmilon), sed kun bedaŭrinde multe malpli da aŭtoritato al D-r P. Corret, miavice admoni (se ne skurĝe riproĉi!) niajn nunajn lingvouzantojn, ke ili pli konscience studu sian lingvon kaj uzu ĝin kun pli da respekto.**

**Efektive, kiel membro de la Ekzamena Centro de la Franca Esperanto-Instituto, mi povas konstati, kiel, ĉiujare, pli kaj pli malaltiĝas la lingvonivelo de la kandidatoj. Tio ĉi povas signifi, ke ili eble tro frue, kaj sekve ne sufiĉe preparite, prezentiĝas por la instrudiplomoj, (ĉefe Atesto pri Kapableco). Aŭ ke iliaj kursgvidantoj ne sufiĉe atentigis ilin pri tiu aŭ alia punkto, grava, de la fundamentaj reguloj.**

**Sed estas io multe pli grava .. ĉar finfine kandidatoj ne sukcesintaj povas, kaj devas, perfektigi sian scion — : Jes, pli grava, multe pli grava estas la pliplorindaj ekzemploj, kiujn ili nun povas abunde trovi en la kolonoj de la franca esperanto gazetaro! Jes, eraroj svarmas, svarmegas, kun tia persisto (... perseverare diabolicum!), ke ili aspektas kvazaŭ novaj reguloj!**

**La alarmkrio estas necesega : ĝin mi ĵetas en la aeron, esperebIe ne en la venton!**

**Mi hodiaŭ atentigos pri unu el tiuj inferaj pekoj per la jenaj eltranĉo el lastaj numeroj de diversaj francaj gazetoj (mi intence ne precizigas la fonton por ne publike ĉagreni la ofte gravan artikolaŭtoron) :**

**« S-ro X... sin proponis por kontakti (!) ĵurnaliston favora... »**

**« ... Ĝis kia grado la... anoj, kiuj abomenas ĉion franca... »**

**« ... eviti... la du ekstremajn rifojn, fatalaj... »**

**« ... la sekretario... legas... la raporton... farita... »**

**« ... legi... tian libron... abunde ilustrita... »**

**« ... ni citos kelkajn malĝustajn negaciojn venantaj... »**

**« ... kiam oni uzas ĝin ne aplikante strikte la regulojn de la Fundamento, aŭ tiujn krome jam aprobitaj... »**

**Ĉu sufiĉas tuij ekzemploj, ja ne imitindaj? Mi povus, ho ve! trovi multajn aliajn.**

**Kaj tamen la regulo estas vere simpla** : la epiteta adjektivo aŭ participo akordiĝas nombre kaj kaze **kun sia rilata substantivo, egale ĉu ĝi estas** antaŭ aŭ **post** ĝi, eĉ se longe post ĝi. **En ĉi supraj frazoj, la adjektivoj aŭ participoj devus havi** akuzativan **formon same kiel la rilataj substantivoj (aŭ pronomo), sekve an, aŭ ajn!!!**

**« Qu'on se le dise! » unu al la alia!**

**Kaj se tiu regulo — tiel simpla! — nun estos komprenita, ni atakos poste alian fuŝaĵon.**

Roger BERNARD,
Membro de Franca Esperanto-Instituto.

(1) Se kelkaj supozas, ke mi eraris, skribante « mi sentas mia devo... miavice admoni... », nu, tio povos esti la temo de proksima artikolo.

# EN PRIMOSTEN
# DUM LA 1962-a SOMERO

De la 1957-a, — ĉu vere ĉar la Esperantistoj tro suferis en Marseille pro la varmeco? — neniu Universala Kongreso okazis en suda lando. Por Esperantistoj kies la partoprenado al Kongreso estas samtempe someraj vojaĝoj kaj libertempoj, tiu fakto dum 5 jaroj estis tre maloportuna.

Feliĉe de du jaroj estas parto de Esperantujo kie oni povas renkonti ĉiujn bonajn kondiĉojn : sunon, varmon, plezurojn donitajn de la maro, esperantistan atmosferon kun internaciaj samideanoj; tiun privilegian lokon pretigis al ni esperantistoj, niaj samideanoj jugoslavaj : la junaj astronomoj el Zagreb.

Ĉe la lazura Adriatiko apud Ŝibenik, en tiu pentrinda vilaĝo Primoŝten. funkciis por la dua fojo dum somero la Internacia Esperantista Kampadejo.

Se oni alvenas aŭtomobile al Ŝibenik post bela vojaĝo laŭ longe de la Adriatiko per la mirinda vojo de Rijeka ĝis Ŝibenik — Vojaĝo dum kiu la okuloj ne scias kion plej admiri ĉu la bluan maron? Ĉu la multajn dalmatiajn insulojn diverse kolarigitajn de la suno laŭ la horo de la tagado? Ĉu la sovaĝajn rokojn de la montoj? Ĉu la tipajn malnovajn havenetojn? Ĉu la profundajn golfojn kaj fjordojn? — do post halto en Ŝibenik interesa haveno kun mallarĝaj stratetoj de la malnova urbo kun kolora kaj brua markto — subite je unu aŭ du kilometroj de la haveno finiĝas la bela asfalta ŝoseo kaj baldaŭ prezentiĝas vojkruco : sago indikas Split tra Trogir, sur la alia vojo grandega indikaĵo allogas kaj kuraĝiĝas nin elekti la plej malbonan vojon; tiu grandega tabulo portas la vortoj : **Internacia Esperantista Kampadejo.**

Rave ni malkovros la imponan korton, la grandan restoracion, la tendojn sub la pinarboj, kaj fine, malsupreniranțe la alia flankon de la deklivo alian golfon, trankvila kiel lago, blua kiel azuro, en kiu multaj kampadistoj sin oanas, jen Primoŝten.

Ĉiuj alvenantoj prezentas sin en Primoŝten en la Turisma Oficejo kie ili ricevas laŭdezire la manĝkuponojn kaj ĉiujn informojn pri la vivado sur la kampadejo. En la Kampadejo mem esperantista atmosfero regas. Helpita de la viglaj astronomoj-studentoj la nelacigebla direktoro : Dro Divjanoviĉ Gabro zorgas ĉion.

Ĉiu vespere ni povis rigardadi la stelojn kaj la lunon pas la teleskopo alportita el la Zagreb-Observatorio; pacience kaj afable komentariojn ripetis por ĉiuj niaj junaj astronomoj-amikoj kaj Dro Gabro Divjanoviĉ.

El multaj landoj venis Esperantistoj : Aŭstrio, Belgujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Svisujo... Mi esperas ke la venontan jaron, antaŭ aŭ post la Universala Kongreso en Sofia, multaj Samideanoj vizitos la Internacian-Esperantistan Kampadejon de Primoŝten, celante starigi en ĝi ankoraŭ pli gravan esperantistan atmosferon dank'al amaso da Esperantistoj!

Marcelle TURIN, Pontarlier.

La adreso estas : **Internacia Esperanto-Kampadejo Primoŝten, ĉe Ŝibenik, Jugoslavio.**

(Se oni ne havas propran tendon oni devas sufiĉe frue, ekzemple en Aprilo, rezervi lokon ĉu en tendo ĉu en privata domo en la vilaĝo Primoŝten).

## *EN LA KOLOKVO DE LA GVIDANTOJ DE JUNULARAJ ASOCIOJ*
*(Marly : 13 kaj 14 de Novembro 1962a)*

*Tiu kolekvo, organizata de la Sub-Ministerio pri Junularo, Sportoj kaj Popoledukado, okazis en la ĉeesto de Sinjoro Maurice Herzog, Ŝtat-Komisaro.*

*Sinjoro Adenis, Ĝenerala Inspektoro pri Popoledukado raportis pri la Konferenco en Strasbourg, kie 17 landoj ĉeestis. Gravaj malfacilaĵoj okazis pro la pretendo de la Britoj pri nura uzo de la angla lingvo. Pro tio, la franca delegacio partoprenis nur al unu el la tri komisionoj.*

*Sinjoro Brichet, Direktoro de la Popoledukado ĉe la Ministerio parolis pri la lingva problemo, kiu malhelpas la regulan funkciadon de la diversaj edukaj komisionoj ĉe la Eŭropa Konsilantaro en Strasburgo.*

*Sinjoro Petit, Ĝenerala Sekretario de la Popoluniversitatoj de Francujo, klarigis al la ĉeestintoj, (Oficestroj de la Ministerio kaj Delegitoj de pli ol 100 asocioj de popoledukado), ke tiuj malfacilaĵoj ne ekzistas por la Internacia Asocio de la Popoluniversitatoj (ekzemploj de la Konferencoj de Paris, Firenze, Strasbourg, Torino kaj de la Forumo de Romo).*

*La respondo de Sro Petit vekis grandan atenton kaj kelkajn kontraŭstarojn, sed sen plia parola interveno.*

## ĈU VI SCIAS KE...

Gilbert Cotteau, juna prezidanto de la Esperantista Grupo de Busigny, Nord, fondis, kun la helpo de siaj samklubanoj, vilaĝon por georfoj? Li estis 22 jara en 1953, kaj de tiu epoko li laboras por tiu afero, kiu floras nun. La ŝtato financas la organizaĵon, kaj 70 infanoj estas adoptitaj en Busigny (en novembro 1961). Por la estonto, oni antaŭvidas la kreon de aliaj vilaĝoj en kiuj pli ol cent infanoj trovos familian vivon. Familian vivon? Jes. Ĉar tiuj infanoj estas grupataj en familio de 7 ĝis 9 aŭ 10 infanoj, sub la amema direkto de « patrino » kun la helpo de junulino. Se orfo sen gefratoj havas ŝancon esti adoptata de seninfanaj geedzoj 3, 4, 5 gefratoj neniam havas tiun sanĉon. En la « Village d'Enfants S.O.S., la gefratoj vivas tiel ĉiam kune en la sama familio, kaj ili ne sentas sin orfoj.

Laŭ mi, estus bone, ke vi skribu al Gilbert Cotteau, Villages d'Enfants S.O.S., Busigny (Nord), aldonante sur la koverton « Personnelle », por gratuli nian Samideanon kaj peti de li ke li kompletigu la edukadon de siaj infanoj de la lernado de Esperanto. Kaj vi povas aldoni al via letero ĉekon, adresitan al : Villagess d'Enfants S.O.S. de France, 50, rue de Chabrol, Paris-10e, C.C.P. : Paris 13-610-84. Metu la ĉekon en la leteron al Sro Cotteau. Se ne, nur helpantino vidus vian ĉekon, ĉar la organizaĵo estas ampleksa nun. La ŝtato financas la aferon. Sed iom pli da mono permesas dolĉigi la vivon de la orfoj de Villages d'Enfants S.O.S. Vi povas agi en la kadro de via Esperantista Grupo.

G. PERRA

---

# Bulletin Trimestriel d'Informations

*Rédaction :* Dr G. MAILLARD, 14, rue Ravon, Bourg-la-Reine (Seine)

*Administration :* Union Française pour l'Espéranto, 34, rue de Chabrol, Paris-10e.

**No 1** **FÉVRIER 1963**


SOMMAIRE



## *EDITORIAL*

**Le congrès de Grésillon à Pâques (22-IV-1962) approuvait à l'unanimité (moins une voix et une abstention) le principe d'un bulletin en français qui devait paraître au minimum 4 fois par an, sur quatre pages imprimée pour commencer. Mon projet prévoyait une extension progressive de ce bulletin qui, encarté dans la Revue Française, serait automatiquement reçu par les membres à cotisation complète de notre Union, tandis que les membres à cotisation réduite en recevraient un tirage à part. Peu à peu et par la suite, ce bulletin pourrait être servi à d'autres catégories de personnes, soit par entente avec certaines associations spécialisées (G.E.E., Cheminots, etc.) ou certains organismes (Grésillon, etc.) ; soit encore par décision de notre Comité qui aurait ainsi la possibilité de donner d'une façon régulière une information de base à certains milieux (journalistes, parlementaires, hauts fonctionnaires, etc.), quitte à compléter cette information de base par l'envoi de documents spéciaux aux seuls intéressés, grâce à l'excellent travail entrepris sous la direction de M. Rougetet, ingénieur, vice-président de notre Union.**

**Le premier pas vers la réalisation de ce projet fut constitué à Pâques par son inclusion dans l'article 4 de nos nouveaux règlements. Parallèlement, nous constituions une petite équipe ayant à sa tête le Dr Maillard, de Bourg la-Reine, qui, depuis de longs mois, édite un bulletin fort intéressant pour le compte de la Société locale : ce qu'il faisait pour celle-ci, il le fera pour notre Union. Dans sa tâche, il sera secondé par Mlle Suzanne Minault, collaboratrice du Centre de Recherches et de Documentation de l'U.E.A., qui depuis fort longtemps traduit en français les originaux en Esperanto de ce Centre ainsi que ceux du Département Information de l'U.E.A. Il sera secondé également par M. Frangeul qui publie déjà des rubriques de nouvelles condensées dans deux ou trois revues, depuis plusieurs années.**

**Ce bulletin aura pour tâche essentielle d'informer le grand public sur les progrès de notre mouvement dans le monde en général, et en France en particulier. Depuis la disparition de « L'ESSOR », il restait un vide à combler. Un bulletin d'information en Français était senti par beaucoup comme une impérieuse nécessité. Voici pour commencer quatre pages de bonnes informations sur l'Espéranto. Trouvez-lui de nouveaux lecteurs, soutenez-le de vos dons et, tous ensemble, nous ferons notre possible pour augmenter le nombre de ses pages, la fréquence de sa parution et la variété de ses articles.**

**La parole est au lecteur**

Docteur A. ALBAULT,
Vice-Président
de l'Union Française pour l'Espéranto.

# Pourquoi l'Espéranto est-il si méconnu en France?

Quand on a l'occasion de parler de notre mouvement à un non-espérantiste, on reçoit presque toujours cette réponse : « L'Espéranto ? Ah ! oui, j'en ai entendu parler autrefois... Mais je croyais qu'il était mort ! » Il est curieux de constater cette opinion à peu près générale au moment où la Langue Internationale, de par sa diffusion croissante dans le Monde, commence à devenir un « fait social » aux conséquences incalculables.

Mais comment pourrait-il en être autrement puisque nos grands organes d'information, la Presse et la Radio, ne s'y intéressent pas ? Quand parfois elles y font allusion, c'est presque toujours par des informations mal documentées, ou même entachées d'erreurs grossières, qui ne sont d'ailleurs jamais rectifiées.

Quant aux Pouvoirs publics, il faut en prendre son parti, ainsi que l'a fort bien dit le Professeur Leclerc, Inspecteur de l'Enseignement du Premier degré, dans l'intéressante revue « Espéranto et Culture ».

« Il est inutile d'attendre d'un Etat, d'un gouvernement, d'une pétition, d'un Congrès, une mesure qui ne viendra jamais ni du dehors, ni d'en-haut, tant qu'il n'y aura pas un élan, une contrainte, venus d'en-bas. Il ne faut compter que sur soi et sur sa propre conviction : j'oserais dire sur sa propre foi... Si cette conviction était partagée, si des petits groupes nombreux se constituaient, si l'on parvenait, d'en bas, à faire la preuve que l'Esperanto existe, qu'il est utile, qu'il est même indispensable au monde qui se fait, alors, mais alors seulement les « Pouvoirs » se mettraient à procéder aux réformes tant souhaitables ! »

« On aurait ainsi travaillé à libérer nos enfants d'études fastidieuses et décevantes, et à construire un univers plus libre et plus uni ».

C'est donc vers le grand public qu'il nous faut diriger un grand effort d'informations précises et contrôlables.

L'Union Espérantiste Française, U.E.F., devenue l'**Union Française pour l'Espéranto : U.F.E.** l'a fort bien compris. Et les circonstances s'y prêtent actuellement, aussi bien sur le plan international que sur notre plan national.

L'Espéranto, avec son idéal de fraternité humaine, qui était la pensée profonde de son créateur, apparaît maintenant comme un merveilleux moyen d'union entre tous les hommes en leur permettant de se comprendre sur un plan de complète égalité linguistique. Et c'est bien là une base indispensable d'entente que le grand humaniste Edouard Privat résumait dans cette formule : « Une Humanité, une Langue »

Quant au plan national, en ce moment où la France prend la tête d'un grand mouvement d'aide aux populations les plus déshéritées de l'Afrique, quel immense service rendrait à ces populations l'étude de l'espéranto **comme langue de base,** qui leur permettrait ensuite d'assimiler beaucoup plus facilement la langue française ! Et c'en serait fini de ce parler français-petit-nègre, moyen d'expression rudimentaire et avilissant.

L'U.F.E. a donc décidé d'adjoindre à son organe mensuel la « Revue Française d'Espéranto », rédigée en espéranto, un « Bulletin trimestriel d'Informations » rédigé en français.

Ce Bulletin, présenté ci-dessus par le Dr A. Albault, vice-président de l'U.F.E., est un organe d'**informations mondiales,** destiné à faire connaître la diffusion actuelle de la Langue Internationale, et non un bulletin de renseignements locaux à l'usage des groupes ou associations espérantistes dont les communiqués, rédigés en espéranto, pourront être publiés par la R.F.E. qui paraît mensuellement.

Le Bulletin d'Informations mondiales, rédigé en français pour le grand public, intéressera aussi les **nouveaux espérantistes** qui ne possèdent pas encore assez bien la langue pour la lire couramment, et qu'il faut, dès le début de leur contact, attacher à notre mouvement. Il pourra, de même, intéresser quelques **anciens espérantistes** en rallumant la flamme qui a pu vaciller ou s'éteindre au cours des années, faute d'être entretenue.

Et il est destiné également à cette autre catégorie très importante **d'espérantistes de cœur,** qui comprennent la nécessité urgente de l'Espéranto, mais qui n'ont pas le temps, du fait de leurs occupations, de l'apprendre à fond. Ils préfèrent nous aider plus efficacement par d'autres moyens qu'en restant des « éternels commençants ». Ce sont ces personnalités, dont nous sommes fiers de citer les noms et les déclarations qui, par le prestige de leurs œuvres ou de leurs fonctions, dirigent une partie de l'opinion publique. Il est indispensable que ces puissants appuis soient pourvus **d'une information précise et régulière,** qui ne peut évidemment leur être donnée qu'en français.

Ainsi la Langue Internationale Espéranto se faisant connaître pour ce qu'elle est réellement, une des plus belles réalisations humaines, nous ne verrons plus ces petits sourires ironiques, qu'ont connu les anciens espérantistes. Ceux qui aujourd'hui seraient tentés de se moquer, ne montreraient que leur sottise ou leur ignorance en face de ce beau et puissant mouvement, le plus beau peut-être de toute l'histoire de l'Humanité.

**Dr G. MAILLARD.**

---

## AU CHATEAU DE GRÉSILLON

### Baugé (Maine-et-Loire)

Le Centre Espérantiste de Grésillon va de nouveau accueillir cette année, du 31 mars au 7 avril, une centaine d'espérantistes. Ces séjours culturels, de plus en plus appréciés, sont animés par d'éminents conférenciers français et étrangers, qui traitent les sujets les plus divers : historiques, littéraires, artistiques, scientifiques, éducatifs, touristiques, etc...

Le programme de cette Semaine culturelle a paru dans le numéro de janvier de la Revue Française d'Espéranto. Pour tous renseignements s'adresser à M. MICARD, château de Grésillon, Baugé (Maine-et-Loire).

# Informations du Monde

**ANGLETERRE.** — Pour la troisième fois a eu lieu une expérience de « cours intensifs » d'Espéranto à **Barlaston,** près de Stoke-on-Trent, avec deux cours, un pour les débutants et un de perfectionnement. La moitié des participants étaient des professeurs professionnels. L'expérience de cette année a eu un tel succès qu'il a été décidé de la poursuivre sur une plus grande échelle en 1963 avec un troisième cours pour l'étude de notre mouvement au point de vue culturel.

**CANADA.** — A **Québec,** le groupe espérantiste édite maintenant une publication mensuelle. Deux cents membres du mouvement pacifiste « La Voix des Femmes » apprenant l'Espéranto et désirent correspondre avec des espérantistes étrangers. S'adresser à **Mme Vilma Eichholz, Espéranto, Oakville (Ontario).**

**CHINE.** — Le Collège des Langues Etrangères de **Pékin** est l'une des Hautes Ecoles d'Etat qui prépare les professeurs des diverses langues étrangères. Depuis le début de l'année scolaire actuelle, l'Espéranto est inscrit au programme de ce Collège. Il est enseigné comme deuxième langue aux élèves qui l'ont choisi. Le cours se poursuit pendant deux années.

**CEYLAN.** — Le Dr **Victor Sadler,** envoyé par l'U.E.A. à **Ceylan,** y a été reçu par la Radio Cingalaise et par les représentants des grands journaux. Sa venue a suscité un grand mouvement en faveur de l'Espéranto et des centaines de professeurs, élèves et étudiants ont commencé à s'intéresser à la langue internationale. Plusieurs cours intensifs ont été organisés, et aussi un cours par correspondance. Un premier dictionnaire Espéranto-Cingalais vient de paraître.

**DANEMARK.** — A **Odense,** s'est tenue une « Semaine géographique espérantiste », à laquelle 7 pays s'étaient fait représenter. Il y eut dix conférences faites par d'éminents spécialistes et 15 présentations de films, dont cinq en espéranto. Trois soirées typiques furent organisées, une danoise, une hollandaise et une française, ainsi que de belles excursions.

**ESPAGNE.** — « Le 23e Congrès Espagnol d'Espéranto » s'est tenu à **Valladilod,** en juillet, avec un grand succès. Environ 300 espérantistes y ont participé, parmi lesquels plusieurs venus des Etats-Unis, du Japon, de France, de Belgique et du Portugal. Les autorités locales ont donné tout leur appui au Congrès et participé aux principales réunions.

**La Chambre des Députés de Barcelone** vient de remettre 30.000 pesetas comme subvention à l'Institut d'Espéranto de cette ville. Cet appui a une grande signification, car il montre la reconnaissance officielle, par la Chambre des Députés, du travail acharné et efficace de l'Institut d'Espéranto sur les plans espérantiste et culturel pendant ces dernières années. Et en même temps, il atteste ses relations amicales avec notre mouvement.

**FRANCE.** — Mille cinq cent douze élèves de 66 écoles et lycées ont appris l'espéranto pendant l'année scolaire 1961-1962. Ils comprenaient 102 élèves de 8 écoles du 1er degré, 520 de 18 écoles du 2e degré, 112 de 7 écoles spéciales, 425 de 22 lycées, et 353 d'écoles normales d'Instituteurs.

A **Paris,** dans la salle des Congrès du Ministère des Postes et Télécommunications, « l'Association Espérantiste des P. et T. » a organisé récemment une très intéressante soirée à laquelle ont assisté plus de deux cents personnes. Le programme comportait la présentation du film « P.T.T. Magazine no 17 » post-synchronisé en Espéranto, une pièce originale en Espéranto de M. Thierry « Tikla Dosiero » jouée par le groupe théâtral des Cheminots, et « L'Espéranto au carrefour des Ondes », montage sonore réalisé par M. Cuny à partir d'enregistrements d'émissions radiophoniques culturelles en Espéranto. Un cours a été ouvert au Ministère des P. et T. sous la direction de M. Royer.

A **Niort.** — Depuis le début de novembre 1962, l'Espéranto est enseigné à l'Ecole Normale, à titre facultatif, à des élèves de première et de deuxième années.

Au lycée de **Montélimar** deux cours ont fonctionné pendant l'année 1962.

**GRÈCE. — L'enseignement de l'Espéranto en Grèce. —** Par circulaire no 204-162 adressée aux Recteurs d'Athènes et de Salonique, au Directeur de l'Ecole Polytechnique, aux Inspecteurs généraux de l'enseignement des premier et deuxième degrés, aux Directeurs des Académies pédagogiques, le Ministre de l'Instruction Publique a ordonné de donner toutes facilités aux Professeurs d'Espéranto.

Il a en outre recommandé à tous les Instituteurs et Professeurs grecs d'exposer à leurs élèves les avantages que présente l'Espéranto aux points de vue de l'intercompréhension et de l'échange de connaissances et d'idées, et de recommander la fréquentation régulière aux cours d'Espéranto.

**HONGRIE.** — A l'occasion du **50e anniversaire du premier Congrès espérantiste hongrois,** 700 personnes, dont 160 étrangers ont rempli la salle des Fêtes de l'Hôtel de Ville de **Budapest.** Le Président d'Honneur, Julio Baghy, et le Président de l'Association des Journalistes ont insisté sur le rôle de l'Espéranto comme facteur de paix internationale. En même temps **le Groupe des Aveugles Espérantistes** a célébré le 40e anniversaire de sa fondation.

**ISRAEL.** — Des cours d'Espéranto ont été organisés à **Tel-Aviv** et à **Petah-Tikva.**

**ITALIE.** — Pendant le « 29e Congrès Catholique espérantiste » qui s'est tenu à **Rome,** au Centre Pie XII, du 14 au 21 août 1962, le problème linguistique, qui se pose devant l'Eglise Catholique, a été présenté par le Prof. **L. Thalmaier** (Allemagne) et le R. Père **H. Vannemakers** (Hollande). La résolution suivante a été adoptée :

« Le Congrès reconnait la valeur de la langue pour la vie de l'Eglise Catholique. Mais il est convaincu que la langue latine ne résout pas les problèmes de la collaboration de tous les catholiques sur le plan supranational, parce que la grande majorité des catholiques n'aura jamais la possibilité d'apprendre la langue latine. Pour qu'ils ne soient pas condamnés au silence pendant les congrès catholiques internationaux, le Congrès leur recommande **le latin du peuple,** c'est-à-dire l'ESPERANTO, d'une acquisition facile parce qu'il est basé sur un vocabulaire en grande partie d'origine latine. En conséquence, dans le Monde Catholique, il doit y avoir deux langues : **Le Latin et l'Espéranto,** qui toutes deux, chacune sur son terrain, pourront servir les intérêts de l'Eglise Catholique ».

**MADAGASCAR.** — L'Association Espérantiste de Madagascar a maintenant un Bulletin bimestriel rédigé en langue malgache avec des articles en français et en espéranto.

**NORVÈGE.** — L'Association touristique **d'Oslo** et **la** Ligue Espérantiste norvégienne viennent d'éditer un film en couleurs « Bienvenue à Oslo » avec un **texte parlant** en espéranto. Le prêt de ce film est gratuit. On n'a à payer que les frais de retour. Adresser les demandes à la Ligue Espérantiste Norvégienne, Boîte 942, Oslo, Norvège.

**POLOGNE.** — Au cours de la réunion des Délégués de l'**Association Espérantiste Polonaise** on a pu constater l'intérêt croissant des Polonais pour la Langue Internationale. Le Comité a été élargi. Il a comme président le Prof. LOTH, éminent géographe, connu par ses grands voyages, membre de nombreux Instituts scientifiques étrangers, entre autres la Société Royale Géographique de Londres, et vice-président du Comité International des Jeux Olympiques.

**Cours pédagogique pour les professeurs d'Espéranto.** — Ce cours a eu lieu en juillet, à **Gdansk.** Il a reçu l'appui moral et l'aide financière du Ministre de l'Education Nationale. Ce cours, sous la direction du Prof. J. Toczyski, a réuni des professeurs et des instituteurs de Gdansk, Varsovie, Krakovie, et autres villes. Il avait pour objet l'étude de l'interlinguistique, de l'espérantologie, de l'histoire du mouvement espérantiste, et aussi la confrontation des méthodes d'enseignement de l'Espéranto.

**SUÈDE. — Grand succès de la semaine de conférences en Espéranto sur l'UNESCO. — Malmö (août 1962).** Sur l'invitation du Conseil suédois de l'UNESCO, de l'Institution Suédoise pour les échanges culturels avec l'étranger, et de l'Institut Espérantiste Suédois, une semaine de Conférences sur l'UNESCO eut lieu, du 12 au 19 août, à Frostavallen, près de Malmö. Les 15 **conférences,** faites par le Prof. Ivo LAPENNA (Londres), le Prof. Hideo YAGI (Japon), le Prof. PRAGANO (Amsterdam), et M. Jean THIERRY (Paris), étaient consacrées à l'activité générale de l'UNESCO, à son travail au Japon, à quelques-uns de ses projets, notamment au projet majeur « Orient-Occident », — selon les points de vue Oriental et Occidental — ainsi qu'à la contribution de l'Association Espérantiste Universelle à ce projet (grâce, notamment, à l'édition spéciale d'ouvrages de littérature mondiale), à la préservation des monuments de Nubie, etc.

102 personnes de 18 pays — d'Orient et d'Occident — ont assisté à ces conférences et aux discussions qui les ont suivies.

**UNION SOVIÉTIQUE.** — Du 21 juillet au 10 août, à **Cesis**, près de Riga, a eu lieu le « 4e Campement Balte de la Jeunesse Espérantiste . Plusieurs centaines de jeunes espérantistes venus de 300 villes de l'Union soviétique y ont participé. De nombreuses démonstrations et une « Université espérantiste d'Eté » y avaient été organisées. Des journaux russes et baltes ont relaté le succès de ce Campement, au cours duquel des délégations des Jeunesses d'Estonie, de Léningrad, d'Odessa et d'autres villes ont présenté d'amusantes attractions.

Un hôte d'honneur — vieil ami du mouvement espérantiste — était venu de Moscou avec sa fille. C'était l'ambassadeur de la République démocratique du Viet-Nam, Nguen Van Kinh.

**ETATS-UNIS D'AMERIQUE.** — La section scientifique de « Ibéria Translations », fondée il y a quelques mois pour propager l'Espéranto dans les milieux officiels scientifiques et universitaires en U.S.A., a organisé un cours d'espéranto à l'O.N.U. Maintenant « l'Association Scientifique » publie dans chaque numéro de « Secretariat News » une colonne sur la Langue Internationale. Et une brochure, sous le titre « **Espéranto** solution de la moderne Tour de Babel », a été éditée spécialement pour les membres de l'O.N.U.

Quant à la jeune journaliste japonaise, Joŝiko Kaĵino, bien connue pour ses grands voyages internationaux, elle a fait aux Etats-Unis, depuis mars 1962, 46 conférences devant 6.500 personnes en diverses villes.

**YOUGOSLAVIE.** — A **Zagreb** a été organisé un cours de 10 jours consécutifs pour les instituteurs espérantistes des écoles du 1er et du 2e degrés, auxquels s'étaient joints des élèves d'écoles normales d'instituteurs. C'était la 3e serie de ces cours annuels. Cette année elle a remporté un succès encore plus grand que précédemment. Pendant ces 55 heures d'enseignement il y a eu 15 conférences qui ont traité non seulement des sujets pédagogiques et linguistiques, mais aussi de l'histoire du Mouvement et de la littérature espérantiste. **Ces cours étaient subventionnés par le Secrétariat Culturel de la Croatie.**

A **Primoŝten,** petite station balnéaire de Dalmatie, presque inconnue il y a trois ans, se développe maintenant l'intéressante initiative des **jeunes astronomes de l'Observatoire Croate de Zagreb,** sous la direction de son Directeur, le Dr Divjanoviĉ. C'est l'organisation, en cette belle région de l'Adriatique, d'un vrai Centre Espérantiste International, appelé, semble-t-il, à un grand développement.

Cette année cet admirable séjour de vacances a pu accueillir des centaines de jeunes espérantistes (et aussi de moins jeunes) qui se sont trouvés dans ce pays idéal, sans discriminations d'aucune sorte, l'Espérantie, ou tous se sentent fraternellement unis par la même langue **qui n'est étrangère pour aucun.**

***

Comme on le voit par ces quelques informations, la Jeunesse prend maintenant une part de plus en plus grande au Mouvement Espérantiste, et le nombre des Cours pour l'étude de la Langue Internationale augmente sans cesse.

Ces **faits,** tous contrôlables, mais ignorés de la plupart de nos compatriotes, feront sans doute réfléchir ceux qui auront l'occasion de les lire.

Dr G. MAILLARD.

**Pour tous autres renseignements, tels que cotisations aux Associations espérantistes, adhésions aux Congrès, abonnements aux journaux et revues, achats de livres, etc... s'adresser à**

**l'UNION FRANCAISE POUR L'ESPERANTO**

**34, rue de Chabrol, Paris-10e**

**Tél. PROvence 55-03 — C.C.P. 855-35 Paris**

# FRANCA KRONIKO

## FEDERACIO DE LA PARIZA REGIONO

**PARIS :**

La 17-11-62, en la Kongresalono de la Poŝta Ministrejo okazis distra vespero organizata de la Poŝta Esperanto Asocio kun filmo esperanto-parolanta pri P.T.T., la « Trikla Dosiero » de Jean Thierry kaj surbendigo pere de Sro Cuny el eksterlandaj kulturaj radiodissendoj en esperanto.

La 27-a de Novembro, ĉe France-II je la 14-a, taŭgaj klarigoj kiel respondo al demando « Mi ŝatus scii » pri Esperanto.

La 13-an de Decembro en la taga elsendo « Edition Spéciale » (France-II) je la 22-a « Bonan tagon, Esperanto ». Bonege Sro Roger Bernard reliefigis la interesan personecon de Doktoro Zamenhof.

La 18-a de Januaro, en kinej-salono de la Fervojistoj, Stacidomo Saint-Lazare, dialogo inter S-roj Sleyser kaj Duc-Goninaz pri « Ferio en Primoŝtejno » kun lumbildoj.

La 1-a de Februaro, en kunvenejo Valenciennes, prelego de S-ro P. Petit, pri la forumo de la Popoluniversitatoj en Romo kun filmo.

En la numero de la 4-11-62 de « L'Echo de la Mode » tre amuza artikolo pri « Esperanto, lingvo de amo » kun bela foto de la familio de nia ĝenerala sekretario Jean Guillaume.

**SAINT-GERMAIN-EN-LAYE :**

Prelego de nia Vic-Prezidanto S-ro Rougetet ĉe la « Domo de la Junuloj ».

## FEDERACIO DE LA CENTRA REGIONO

**ANGERS :**

La 11-10-62 okazis prelego pri la Neceseco de lingvo internacia en la « Cercle Angevin de Relations Internationales « Esperanto » ».

## FEDERACIO RHONES-ALPES

**ROMANS :**

La 9-an de decembro okazis en Romans granda festo pri la 50-a datreveno de la starigo de la Grupo de Romans-Bourg de Péage en la ĉeesto de multaj eminentuloj, deputito-urbestro, Vic-Prezidanto de la Konsilantaro de la Departemento Drôme, Edukaj Inspektoroj, ktp.

S-ro Asquéri reprezentis U.F.E. al tiu grava datreveno.

## FEDERACIO DE PROVENCE

**MARSEILLE :**

La 17-10-62 okazis la malfermo de tri kursoj sub gvidado de Sino Jurquet, Fino Valbriano kaj Sro Saretto. La plej bonaj lernantoj ricevos senpagan restadon en Grésillon.

## FEDERACIO DE LANGUEDOC-ROUSSILLON

**PERPIGNAN :**

La 15-12-62 okazis granda manifestacio en lernejo Racine. Nia Prezidanto, Sro Llech-Walter parolis pri la vivo kaj la verko de Dro Zamenhof.

La 31-10-62, Sro René Llech-Walter fariĝis Prezidanto-Kursestro de la Politeknika Asocio de Perpignan. Gratulojn.

## FEDERACIO DE LA NORDA REGIONO

**AMIENS :**

Sukcesa esperantista tago okazis en Amiens danke la sindonemon de la loka klubo. Partoprenis ĉ. 60 delegitoj kaj interese vigligis la debatojn Sroj R. Llech-Walter, prezidanto de U.E.F., kaj P. Petit, vic-prezidanto de nia nacia asocio.

Sro G. Odent, federacia prezidanto, dankis la organizintojn kaj la gastojn. Posttagmeze, oni prezentis en urbodoma salono la filmon « Jen Aŭstralio » la diapozitivojn de Sroj Lentaigne kaj Capus, kaj la novan afiŝon de U..E.A.

Lige kun la venonta renkontiĝo, la kvara traduka konkurso temos pri la vidindaĵoj de Valenciennes. Tekston tradukotan sendos al ĉiu interesulo la respondeculo — L. Giloteaux, 7, rue Saint-Saëns, **Wattrelos** (Nord).

**TOURCOING :**

U.E.A.-delegito partoprenis la debaton, kiun organizis la kongreso de Franc-Germanaj kulturaj asocioj.

**VALENCIENNES :**

Ekspozicio pri Esperanto kaj filatelio trafe anoncis la novajn kursojn kaj efike reklamis pri L.I. Notinde estas, ke la jurnalo « Le Courrier de Valenciennes » afable disponigis plurajn montrofenestrojn al la loka klubo. Krome, la vic-urbestro publike menciis la rolon, kiun ludas la esperantistoj rilate la ĝemeliĝon kun la germana urbo Düren.

**ARRAS :**

En sia raporto pri la funkciado de la federacia biblioteko, Sro G. Odent registris legantojn el Filipinoj kaj Sovjet-Unio.

**LILLE :**

La klubo interŝanĝis sonbendojn kun diversaj landoj. Krome, la membroj aprobis la kreon de speciala servo por plioftigi la venon de eksterlandaj geamikoj.

Lasttempaj gastoj estis gesroj J. Langenberg (Wormerveer) kaj B. Weber (Middelbourg).

Sro R. Bocquet gvidis rapidan kurson ĉe la « Muelejo por metilernantoj ».

Informejo ĉiusabate, de 16 ĝis 17 h., ĉe U.F.J., 19, rue des Poissonceaux, Wattrelos (Nord).

Danke la urban komitaton por internaciaj interŝanĝoj, la rondo akceptis... plurajn novajn membrojn, i.a. F-inon F. Degand, kiu sukcesis en Baugé la Ateston pri Lernado post kelkmonata studado de la lingvo.

---

**H E N I N - L I E T A R D**

**Sub aŭspicio de la Laïka Amikaro de Gelernantoj :**

**Malfermo de Esperanto-Kursoj**

**okazis mardon 16-an de oktobro ĉe « Laïka Hejmo », place Carnot.**

**La elementa kurso daŭras de la 19-a ĝis la 20a, kaj 6 personoj la perfektigan kurson de la 20-a ĝis la 21-a.**

**Instruas : Lucien Bourgois.**

**La loka gazetaro anoncis la malfermon de la kursoj kaj raportisto fotis la ĉeestantojn (ĉirkau 20).**

---

# SOFIA

## 48a UNIVERSALA KONGRESO REKORDA ALIĜADO

Je 14-12-1962 aliĝis 449 personoj el 29 landoj, inter ili 64 el Francujo.

**Oratora Konkurso.** — La Estraro de U.E.A. fiksis la jenajn temojn por la Oratora Konkurso :

1) Kiel reciproka aprecado de kulturoj povas helpi al interkompreniĝo inter la popoloj.
2) Kion mi opinias pri la Esperanta literaturo.
3) Ĉu ekzistas opono inter arto kaj scienco ?
4) Kiel mi konceptas la rolon de internacia Esperanta teatro.
5) Kiel teknikoj helpas al la kultura progreso.
6) Kio estu la enhavo de kultura agado de la junularo.

**Arta Festivalo.** — En la kadro de la Dua Internacia Arta Festivalo okazos ekspozicio de verkoj de la itala pentrista E. Lo Martire kaj ekspozicio de skota pentro-arto.

G. G. POMPILIO,
Konstanta Kongresa Sekretario.

## Neordina-ra demando pri aŭtoreco

Antaŭ nelonge oni denove el- kaj disdonis la faman filmon de la jaro 1942-a : « la nekonatoj en la domo » (« les inconnus dans la maison »).

Ties prezentlisto tekstas jene : filmo de Henri Decoin, film — adaptado kaj dialogo de Henri Georges Clouzot laŭ la fame konata samtitola romano de Georges Simenon, kun, kiel geaktoroj ; Jules Raimu, Juliette Fabert, Lucien Coëdel, Jean Tissier, Noël Roquevert kaj Mouloudji.

Antaŭe mi vidis plurajn filmojn de Henri Decoin (elp. Dekŭen), kaj ankaŭ de Henri Georges Clouzot (elp. Kluzo) kiu post la ĉi — supre dirita filmo fariĝis filmo — enscenigisto, kiel Henri Decoin jam estis tiutempe.

Mia demando estas : ĉu la vera film — aŭtoro de « la nekonatoj en la domo » estas Henri Decoin kiu ĝin suskribis, aŭ la adaptisto H.-G. Clouzot ?

Mense, la homoj estas sufiĉe proksimaj : ambaŭ sin probis en jurnalismon romanon, teatron, ambaŭ estis adaptistoj kaj enscenhelpistoj, kun la deko de jaroj de alitempeco kiu kungruas kun ilia aĝmalsameco : Decoin naskiĝis en 1896 kaj Clouzot en 1907.

Decoin studis en la gimnazzio. Clouzot ekstudis en la marooficirlernejo sed finstudis juro — kaj ekonomisciencojn. Tiun deflankiĝon de Clouzot devigis pulmonalsano, kiu lin sendis en sanatorion. Korpe la homoj estas tre malsimilaj. Decoin estas sportulo, naĝorekordulo, specialisto de akvobaloludo ; li estis aviadisto dum la milito. Clouzot estas malgrandeta, malkvieta kaj la maljuniĝo ne trudis al li ventrodikecon.

Ni konsideru nun la profesian vivon de la du homoj.

Decoin estis filmadaptisto de la jaro 1930-a kaj fariĝis enscenigisto jam de la jaro 1932-a. Lia kariero estas regula kaj abunda : li gvidas almenaŭ unu filmon pojare. Li estas benata de la film — produktistoj, ĉar el — provinte ĉiujn ĝenrojn li ĉiam relative sukcesis, ĉu en filmoj gajaj kaj sentimentalaj kiel « Korbatadoj » (« Battements de cœur »), « Uuna rendevuo » (« Premier rendez-vous ») kiu estis cetere la lasta kun lia eksedzino Danielle Darrieux, ĉu tendencecaj filmoj : « Ne kulpa » (« Non coupable »), ĉu aventurecaj kiel « Ĉe la granda balkono » (« Au grand balcon »), ĉu spektaklecaj kiel « Varieteo » (« Folies-Bergères »), aŭ (« La vérité sur Bébé Donge »), aŭ Bébé Donge » (« La vérité sur Bébé Donge »), aŭ ĉu detektivaj kiel « La katino » (« La chatte »). Kion li faras estas konscience bone ellaborita kaj tre ofte eleganta. Li konsentas ĉian filmon gvidi sed pripensas funde pri la proponitaj temoj. Kiel bona sportulo, li neniam hezitas por akcepti riskojn kaj provi ion por li nova, eĉ post sukcesplena filmo.

Antaŭ nelonge, intervjuita de la « franca Televidado », Henri Decoin citis kiel filmon plej kara al sia koro ne « la nekonatoj en la domo » kies sukceso estis la plej granda sed alian adaptadon de Simenon : « La vero pri Bébé Donge ». Povas esti ke la kialo de tiu elekto estas la ĉeesto en tiu filmo de Danielle Darrieux kiel ĉefaktorino ; sed povas ankaŭ esti la spuro, ke Decoin ne spertas « patrecan » senton por la « Nekonatoj ».

Clouzot estis samtempe sekretario de la kabaretkantisto René Dorin, kaj filmkritikisto : li ne povis ne renkonti nian « Huguette eks-mikro » (franca proksimuma ludvorto pri Huguette ex-Duflos, fama teatraktorino), alidirata Henri Jeanson. Tiu lasta, fama kritikisto kaj aŭtoro (li regule skribis en inter aliaj semajna satira gazeto « Le Canard Enchajné »), estis tre alte taksata en la filmo-medioj. Li helpis al Clouzot sin trudi en tiujn mediojn kaj sekve de tio, tiu lasta estis akceptita kiel adaptisto kaj dialogisto en 1931. De 1932 ĝis 1938 li estis direktoro pri Parolanstadaŭado (doublage) (1). De tiu metio li certe akiris siajn fame konatajn kvalitojn de precizeco kaj obstineco. Intertempe li estis ankaŭ filmhelpisto de Anatole Litvak kaj Ewald André Dupont la fame konata aŭtoro de « varieteoj ». En 1941 li estis scenariisto kaj dialogisto de Decoin por « la nekonatoj en la domo ».

La konata jurnalisto kritikisto Paul Guimard rakontis tiamaniere la ensvingiĝon de Clouzot, tiam nekonata, en la kastelon de Nicolas Rapin en Fontenay-le-Comte (Vendea provinco), iun tagon de la somero de 1931, kiam li, Paul Guimard ludis per kegloj kun Georges Simenon : « Subite alvenante kiel hundido en nian kegloludon (2) iu malgranda individuo malgrasa, kun elstarantaj brovoj ekaperis desaltinte de la vagonaro de Parizo. Finita la plezuro, diris Simenon, li venas por studi kun mi la adaptadon kaj dialogojn de « la nekonatoj en la domo ». Li havis jam lanan jakon el tweed (3), fajrjetajn okulojn, eksplodemajn nervojn, kaj pipojn plenpoŝe, sed oni tion ne atentis ĉar li ankoraŭ ne estis komponinta sian legendon. Al li mankis ankoraŭ du aksesorajojn t.e. filmkameron kaj plenpovojn. En la kinohierarkio Clouzot estis malpli ol nenio : aŭtoro, ilo malgravega, malpli konsiderinda ol la ŝminkisto aŭ la elektristo. « La nekonatoj en la domo » funde malordigis la kutimajn valorojn ». Poste okazis la filmo-turnado.

Mi citos alian spektaklon-kritikiston, Pierre Marcabru la lumigo de la filmpersonoj, la malluma svarmado en la grandega domo, la soleco de Raimu (4) la malĝustaj kaj kompatindaj ribelmalsaĝoj de provinca junularo kiu engluiĝas antaŭ alburĝiĝo, iu nedefinebla atento por la « larva » vivo superis la tradician realistan atmosferon al kiu la antaŭmilita franca kino estis nin alkutimiginta. Oni rekonis malbone liberigitan zorgon ; oni sentis la ĉeeston de potenciala enscenigisto, de tiu adaptisto, kiu tre malbone toleris ne esti la sola majstro de la filmdestino ». Ĉu tiuj du atestoj ne klare montras almenaŭ la gravecon de la rolo de Clouzot en la farado de la filmo ?

Plie, ni provu aperigi la aldonadon de Clouzot en tiun ĉi filmon. Tial ni sekvu lin en la kariero multe pli maldensa ol tiu de Decoin. En la jaro 1942-a por la unu fojo li estas enscenigisto (aŭ realigisto). Li akrigas siajn dentojn sur « la murdisto loĝas ĉe la 21-a ». Jam de la jaro 1943-a ekestas la ŝlosilfilmo de Clouzot : « La korvo » (4), « La salajro de la timo », « La Picasso mistero », « La spionoj », « La vero ».

Laŭlonge de tiuj filmoj, la funda kvalito de Clouzot, lia esenca propaĵo, specifico, ŝajnas esti la formo de glacia milmodereco, de koroda povo, kaj ĉefe de introspekta volo nekontentigebla. Tiu volo estas tiom avida ke Clouzot certe deziras neniigi la personecon de siaj aktoroj por enŝovi la sian antastaŭen.

Roger Régent fami kritikisto ĉe la franca radio, komparis lin kun Stroheim, kio ne estas malgrava komplimento kaj certe ili havas multajn komunajn ecojn, sed mi ne kredas ke Clouzot povos ekzerci la sadismon ĝis la plena senkaŭzeco kiel Stroheim. Estas tamen vere, ke por montri la internecon de siaj filmpersoj, Clouzot kapablas ĉion. Se li fariĝis « aktor-timigilo », estas ĉar lian vivon de filmrealigisto sur la podio signas la sidvanga batado al Suzie Delair, la vangfrapoj al Cécil Aubry, aŭ la veraj larmoj plorataj de Vera Clouzot antaŭ nesatigebla filmkamero. Tiu mensmalsana

sintenado, tiu pripensita malmodereco kvankam malofta ne estas senkaŭza : Clouzot esprimigas la sentojn de siaj aktoroj kiel oni elpremas la sukon de citrono ; lia filmkamero devas vidi ĝis la animo mem de liaj filmpersonoj.

De tiu agadmaniero rezultas filmoj de escepta denseco, oni eltrovas ke la filmpersonoj estas de interne konsiderataj kaj ne de ekstere kiel en la filmoj de Henri Decoin.

Mi rimarku ankaŭ certan parencecon en la malico aŭ malbonintenco per kiuj ĝenerale la filmoj de Clouzot estas akceptataj, kiam ĉiuj filmoj de Henri Decoin estas bonvenigataj.

Oni ekzemple pretendis ke la « korvo » (de Clouzot) estis prezentita en Germanujo sub la titolo « iu malgranda franca urbo », kvankam estis pruvita ke la disdonado de la filmo estis rifuzita de la U.F.A. sola organismo kompetanta en tiu epoko por la filmdisdonado en Europon. Oni ankaŭ ne atentis ke la adaptado datumis de la jaro 1933-a, en tempo kiam tiu akuzo de servo al germana propagando estus estinta tute ridinda. Pri la puno kiu frapis Cluzot kaj kiu estis efektiva dum 2 jaroj, Roger Régent kiu studis la aferon diras : « Fariĝas necese pensi ke nur kion oni ne pardonis al Clouzot estas la talento ». Tiu aprezado de Roger Régent konfirmiĝis en 1947 kiam « Quai des Orfèvres » la unua filmo de Clouzot post lia malpermespuno ricevis la unuan premion pro ensceniĝo ĉe la « dujara filmkunveno en Venezio ».

La « nekonatoj » ankaŭ suferis de malfavora akcepto. Certe estis neniu proceso sed multaj kritikis amare ĝian enhavon ; eĉ Roger Régent skribis pri la parolado de Raimu ĉe la kriminalkorto ke ties socialeca enhavo « ŝajnis tiutempe de suspektinda origino ».

Ankoraŭ en la jaro 1955-a, pri la elekto de Mouloudji kiel « malbonfarulo » en la filmo, mi legas tiujn du kritikojn ; la unua estas de iu Guyot :

« Ĉerta malresisto kontraŭ la oficiala tendenco de tiu epoko (1942 : Francujo estis tiutempe okupata de la Germanaj trupoj kaj estis sub premo de la nazia Germana registaro) decidigis ke tiu aktoro estos la malplej blonda.

La dua de iu Patrice tekstas : « oni ĉeestas la debuton de Mouloudji, kies uzo en la filmo demandigas, ĉu ĝi ne respondas al resistaj intencoj ».

Responde al tiuj du « kritikoj » mi akcentos ke la samtitola romano de Simenon datumas de tre antaŭ la milito ke ĝia enfilmodecido ankaŭ datumas de antaŭ la milito, kaj ke pri tiu ĉi punkto la romano estas multe pli preciza ol la filmo mem. La filmo montras tre granda malakrigo vidalvide de la romano.

Ni ankaŭ rimarku ke la korpa kaj figura aspekto de tiu roman — aŭ film — personeco estas decida : se oni estus ĝin ŝanĝinta, oni estus devinta fari alian filmon, alie konstruita, sed ĝi ne plu estus verkita laŭ la romano de Simenon.

Ni demandu nun : kial tiuj akraj kritikoj al nur kelkaj elektitaj filmoj, kiel tiuj de Clouzot, kaj ne al alies filmoj ankaŭ « kritikeblaj » ? Ĉar la filmoj de Clouzot, la Balzac de la franca kino, laŭ François Vinneuil, estas speciale gravaj, profundaj, kaj pro tio empresas. Rimarkinde estas ke la « ne konatoj » vekis la samajn malbonintencajn kritikojn. Pro tio ni povas konkludi ke ili estas de la sama speco.

Ĉar oni juĝas la arbon laŭ la fruktoj, mi eble povas konkludi ke la samspecoj filmoj havas la saman « patron ».

Resume, laŭ konkludoj eltiritaj de opinioj de findindaj kritikistoj, laŭ la atmosfero kiu banas la filmon, laŭ la stilo mem de la filmo, ŝajnas ke la vera aŭtoro de la « Nekonatoj » ne estas la subskribinto, sed Clouzot.

Kiel tio okazis ? du homoj strebis por la farado de tiu filmo ; vole nevole, tiu komuna strebado fariĝis alfrontiĝo inter du malsamaj temperamentoj : okazis ke la malfortika Clouzot finvenkis je spirado la sportema kaj ĉampiona Decoin !

J. MANCEAU.

---

(1) **Doublage** : Traduki en alian lingvon, la tekston diritan de la filmaktoroj, kaj sur la ekrandbildoj ŝovi tiun tradukadon pere de aliaj fremdaktoroj nevidotaj sed kiuj devas paroli laŭ la buŝomovoj de la unuaj aktoroj. La alilandano havos poste la impreson ke la unuaj aktoroj parolas lian lingvon, pro tio la filmo fariĝos pli facile eksportebla.

(2) Oni diras tion en Francujo de persono ĉn ne atendata, ĉu ne dezirata, kiun oni ne tre favore akceptas kaj kiu, en la momento, ĝenas : « akcepti iun kiel hundilo en kegloludon ».

(3) Tweed : angla lana ŝofo.

(4) Raimu : Franca aktoro kiu ludis la ĉefrolon en la « Nekonatoj ».

(5) « Kajo de la juvelistoj » : tio estas la adreso de la centra franca polic - oficejo.

---

# RECENZOJ

## « LA IDOLO PLEJ LONGE VIVANTA » DE MARTINUS

La esencaj problemoj pri la religio, pri la dikulto interesas multajn homojn, sed tiu temo estas science kaj logike traktika nek de la religiuloj kiuj predikas, ke « la vojoj de Dio estas neesploreblaj », nek de la scienculo, kiuj neglektas tiun flankon de la vivo.

En sia verko « la idolo plej longe vivanta » la aŭtoro, Martinus, montras, ke nun la homoj grandare forlasas la ekleziajn rondojn, ĉar fariĝintaj pli intelektaj, ili ne plu povas kredi la pratempajn aranĝojn de la dikulto. Laŭ li, la kristanismo devas evolui, por ke ĝi konformiĝu al tiu bezono de racieco.

Tial li reliefigas la multajn mallogikaĵojn de la diskoncepto kaj de la dikulto de la kristana religio.

Ekzemplo de tiuj mallogikaĵoj estas, ke ĉiopotenca, ĉioscia kaj kaj ĉioama dio kreas la homojn kun eraroj, difektoj kaj mankoj, pro kiuj li poste punos ilin. La akran kontraŭaĵon malkaŝas jena konsidero : se li ne povas ŝanĝi la erarojn, li konsekvence ne povas esti ĉiopotenca, se li ne volas, li ne povas esti ĉioama kaj se li ne antaŭe sciis pri tiu rezulto li ja ne povas esti ĉioscia.

Sed kio restas el la religio post tiuj severaj kritikoj ? Kia estas, laŭ Martinus, la « vera kristanismo » ? Ĝi nur konsistas, li diras, el la moralinstruoj de Jesuo laŭ kies altaj ideoj la homon devas vivi.

La ĉefa regulo de tiu kristanismo estas « ami sian proksimulon kiel sin mem ».

Tiu verko de la dana pensulo estas originala kaj atentinda. Ĝi sukcesas interesi per sia logika argumentado bazita sur scienca analizlaboro de la religio.

La lingvo estas tre bona kaj malgraŭ la abstrakteco de tia temo ĝi estas facile legebla.

LEGRÉE.

## PLANLINGVAJ PROBLEMOJ

Verko destinita al tiuj, kiuj « interesiĝas pri ĉiuj specoj de aŭtomobiloj », do ankaŭ pri tiuj, kiujn ili ne ŝoforas (1), la libreto de William Gilbert donas resuman, sed bone dokumentitan, panoramon de la planlingva problemo, tia, kia ĝi aperas hodiaŭ — almenaŭ sur la teoria tereno. Ĝi do konsistas el komparo inter la sistemo de Esperanto kaj la sistemoj de ties konkurantoj, nome Occidental-Interlingue (2) kaj Interlingua. Mi ja diris : sur la teoria tereno, ĉar ni ankoraŭ atendas la verkon, kiu priskribus Esperanton tia, kia ĝi estas parolata kaj skribata (sed en tia okazo, la komparo kun aliaj planlingvaj sistemoj estus verŝajne malpli facila !).

Tiu teorieca karaktero — malforta flanko de la interlingvistikaj studoj ĝenerale — neniel malpliigas la valoron de tiu verketo. La aŭtoro parolas laŭ sperto : li ja praktikis Occidentalon dum dudek jaroj, antaŭ ol fariĝi esperantisto. En konciza formo, li reprenas kaj sintezigas temojn pritraktitajn de Manders kaj Waringhien (3). La kutimaj disputtemoj estas traktitaj : alfabeto, pluralo, akuzativo, kaj ĉefe la problemo de la afiksoj kaj de la derivado. Sufiĉe ampleksaj artikoloj permesas komparon de la derivsistemo de Esperanto kaj de Occidental. Malgraŭ la neevitebla — kaj provizora — ĥaoso, kiu sentiĝas en Esperanto ĉe la apero de neologismoj (sed ĝuste pro misa influo de la « naturalismo » !), oni devas objektive konkludi, ke aktiva uzado de Occidental esta ebla nur per referenco al la romanidaj lingvoj, dum en Esperanto ĝi estas ŝuldata al observo de la Fundamento kaj al pliperfektiĝo kaj plilertiĝo *en la spirito de la lingvo mem*, sen referenco al alia sistemo. Kaj al tiu senfina polemiko pri la derivado, mi pensas, ke la solvo ne estas sur la tereno de iu teoria komparo, sed sur la tereno de la tuta spirito de la lingvo. Occidentalistoj argumentas, ekzemple, ke la esperantaj afiksoj havas signifojn tiel elastajn, kiel en Occidental. Sed la problemo ne estas, kiom da sencoj oni povas eltrovi por la sufikso -or en Occidental (kvar), aŭ -id en Esperanto (kvin ,laŭdire !), sed kio fakte estas -or kaj -id en la menso de personoj parolantaj respektive Occidentalon kaj Esperanton. Kaj oni devas konfesi, ke *ido* estas io tre klara en la menso de esperantisto, kaj ke ĝi havas nur unu valoran difinon (batu min la vortaristoj, mi ne cedos !) : *ido estas ido.* Dum -or estas nenio ekster la vortoj, al kiu ĝi alkroĉiĝas. Mi do revenas al miaj ŝafoj (4) -aŭ al mia ĉevaleto : kiam oni estos esplorinta la vortaron kaj la stilistikon de la komparendaj lingvoj laŭ la ĉefaj literaturaj verkoj de Esperanto kaj Occidental (se tiaj ekzistas por ĉilasta), kiam oni disponos pri sufiĉe da magnetofonaj bendoj, kiuj atestos, kiamaniere estas parolataj Esperanto kaj Occidental en la internaciaj renkontoj, en la radio, en la hejmoj (por Occidental oni petas adresojn !) la ambaŭflankaj polemikistoj disponos pri argumentoj pli taŭgaj, ol la teoriaj. (5).

Tamen, en sia speco, la verketo de Gilbert estas tre utila. Mi aparte ŝatas la klaran gramatikan kompartabelon, kiu bone montras la vojon al pli granda « naturalismo » de Occidental-Interlingue al Interlingua de I.A.L.A. Gilbert prave rimarkigas, ke « Occidental kaj Interlingua atentas nur la grafian aspekton, kun la preteksto, ke ĝi varias tre malmulte de lando al lando, kompare kun la prononco. Esp.-o ĝenerale agnoskas la superecon de la fonetika aspekto, ĉar D-ro Zamenhof dekomence kaj la esperantistoj ĉiam celis senperajn, homajn kontaktojn, kaj ne nur skriban uzon » (p. 29). Tamen restas la problemoj de prononco starigitaj de la *Plena Gramatiko* (§ 17) kaj la nelogikaĵoj de la Zamenhofa ortografio (ĵ,ĝ), kiuj eble ekestis pro influo de la naturalismo !

Michel DUC GONINAZ.

---

(1) William Gilbert : Planlingvaj Problemoj (Esperanto kaj la naturalismo) — Antaŭparolo de W.J.A. Manders ; — Stafeto : Beletraj Kajeroj 12 — J. Régulo, eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1962 ; 19x12 cm. — 100 paĝoj — eldonnombro : 1.000 ekz. — Prezo : 5 F.
La komparon de lingvo kun aŭtomobilo kulpas Manders !

(2) Interlingue estas la nova nomo de Occidental. Gilbert konservis la antaŭan nomon por eviti konfuzon kun Interlingua (I.A.L.A.).

(3) Ni memorigas : « Interlingvistiko kaj Esperantologio » de Manders ; « Lingvo kaj Vivo » de G. Waringhien.

(4) Mi pensas, ke post la brila prezentado de « Advokato Patleno » fare de I.A.T., tiu esprimo estas komprenata de ĉiuj.

(5) Multa materialo troviĝas ja en la *Plena Gramatiko*, sed la bazo de tiaj studoj restas la *Esprimo de sentoj en Esperanto* de E. Privat.

---

## NOVA ELDONO DE LA FUDAMENTO DE ESPERANTO (1)

Niaj indoneziaj samideanoj publikigis novan eldonon de la Fundamento : tradukon al la Indonezia lingvo, lingvo de nova nacio de preskaŭ 80 milionoj da loĝantoj.

Ŝajne tiu traduko estis farita el la nederlanda eldono kun kontrolo al la kvinlingva Fundamento. Bedaŭrinde la manko de majuskloj kun supersignoj iom difektas la bonan aspekton de la verko : ĉu la nuntempaj presejoj, kiam la esperantaj litertipoj estas aĉeteblaj, estas malpli kapablaj ol la presejoj de 1887, kiuj devis mem modifi la tipojn ?

Neindoneziano ne povas bone juĝi, sed ŝajnas ke okaze de dua eldono, necesos precizigi la tradukon de diversaj nomoj de plantoj, bestoj, ktp. ; kvankam oni ankaŭ povas prave diri, ke tio estas tasko de la Fundamento sed de vortaroj, ĉar finfine la lingvo dum 75 jaroj evoluis kaj multaj el la difinoj de la Fundamento ne plu estas validaj : la signifo de iuj vortoj larĝiĝis, aliaj mallarĝiĝis ; kelkaj vortoj aŭ esprimoj tute malaperis kaj estas anstataŭitaj de aliaj : ekz-e « signo de posto », kiu cetere mankas — iarilate prave — en tiu eldono, estas arkaismo por « poŝtmarko ». Gratulinda estas la provo doni ĉiujn ekzemplojn de la kvin fundamentaj gramatikoj : estonte tio devos esti sisteme kaj rigore farita !

Oni devus komenci kompreni, ke post tri kvaronoj da jarcento, Esperanto sufiĉe evoluis, por ke estu iom riske eldoni simplan tradukon, sen ia ajn klarigo aŭ komento. Ni urĝe bezonas kritikan eldonon de nia Fundamenta dokumento.

Tamen la evoluo de Esperanto ne estas tia, ke tiu indonezia eldono ne donu bonan servon en sia lando, kiel unua paŝo al la disvastigo de nia lingvo. Aliparte, en la cetera mondo, kiel rimarkigas la eldoninto, tiu libro povas utili al studantoj de la Indonezia lingvo. Ni notu, ke ĝi uzas la novan reformitan ortografion (post la sendependiĝo). Ĝi certe povos ankaŭ bone utili kiel ekspozicia materialo por montri la universalecon de Esperanto.

D-ro A. ALBAULT.

---

(1) L.L. Zamenhof. Fundamento de Esperanto (Azas 2 Bahasa Esperanto) Eldono Indonezia. Trad. de Liem Tjong Hie. Indonezia Esperanto-Instituto. Semarang 1961. 98 p. 19,5 x 15.

SUPPLÉMENT AU N° 1 DE 1963, DE « FRANCA ESPERANTISTO »

# UNION FRANÇAISE POUR L'ESPERANTO

# 55e CONGRÈS NATIONAL D'ESPÉRANTO

**1, 2, 3 JUIN 1963**
(FÊTES DE PENTECOTE)

A **PERPIGNAN** (P.-O.)

## COMITÉ D'HONNEUR

**M. Richard**, Recteur de l'Académie de Montpellier.
**M. Pierre Dubois**, Préfet des Pyrénées-Orientales.
**M. Paul Alduy**, Député-Maire de Perpignan, Conseiller général.
**M. Arthur Conte**, Ancien Ministre, Président de l' « U. E.O. », Conseiller général.
**Mgr Joël Bellec**, Evêque de Perpignan.
**M. Jean Jacquet**, Président au Conseil Général des Pyrénées-Orientales, maire de Rivesaltes.
**M. Charles Grando**, Majoral du Félibrige, Secrétaire perpétuel des Jeux Floraux du Genêt d'Or.
**M. R. Toraille**, Inspecteur d'Académie des P.O.
**M. P. Gervais**, Chef du Service Départemental de la Jeunesse et des Sports.
**M. D. Barboteu**, Inspecteur de la Jeunesse et des Sports.
**Mlle Duffaure**, Directrice du Lycée de Jeunes Filles.
**M. Conte**, Proviseur du Lycée Arago, Perpignan
**M. Puigségur**, Directeur de l'Ecole Normale de Perpignan.
**M. André Peus**, Directeur du Conservatoire de Perpignan.
**M. Auguste Colomer**, Président de la Chambre des Métiers des Pyrénées-Orientales.
**M. de Besombes-Singla**, Président du Tribunal de Grande Instance de Perpignan.
**M. Gaillard**, Directeur Départemental des P. et T.

## COMITÉ D'ORGANISATION

**M. René Llech-Walter**, Président de l'Union Française pour l'Esperanto.

Et **MM. les Membres du Bureau** du Centre Culturel d'Esperanto.

 **AKCEPTEJO** — **Hôtel de Ville de Perpignan, place de la Loge** 

# PROGRAMME

## SAMEDI 1er JUIN :

9 h. : **Réception à l'Hôtel de Ville de Perpignan.**

10 h. : **Visite de la ville** et du Castillet.

14 h. : **Visite du Palais des Rois de Majorque.**

17 h. : **Réunion du comité d'U.F.E.**

18 h. : **Réunion des délégués d'U.E.A.**

20 h. 30 : Départ des autobus pour la réception à Sant-Vicens de la rue du Dr Zamenhof.

21 h. : Dans les jardins de la fabrique de céramique de Sant-Vicens : **Soirée folklorique,** avec le concours de la « Cobla Perpinya » et de « L'Esbart dansaïre del Rossello ». Dégustation de vins de Banyuls.

## DIMANCHE 2 JUIN :

8 h. : Service catholique.

9 h. : Culte protestant.

10 h : **Assemblée générale de l'U.F.E.,** salle Arago, Hôtel de Ville de Perpignan.

12 h. : **Photographie** des Congressistes « Rambla des Platanes ».

12 h. 30 : **Repas amical** (15 F.), au « Rallye », place des Variétés (près la « Rambla des Platanes »).

16 h. : **Reprise des travaux,** Hôtel de Ville de Perpignan.

21 h. : **Soirée Artistique** à la Salle Arago, Hôtel de Ville de Perpignan, avec le concours de la « Compagnie des Gais Troubadours Catalans », de l' « U.F.O. L.E.A. » et des élèves des classes d'Esperanto du département.

## LUNDI 3 JUIN :

### EXCURSION EN ESPAGNE

7 h. : Rue Docteur-Zamenhof (face à la Présidence) : Départ pour les sites ravissants de la célèbre **« Costa Brava » catalane (Espagne)**, visite des ruines romaines d'Ampurias et du château de Perelada.

Retour assuré vers 20 h. pour permettre aux Congressistes de prendre le rapide de Paris.

Repas de midi en Espagne. Excursion, transport et repas de midi, 25 F. avec passeport non périmé ; 28 F. sans passeport (se munir de la carte d'identité nationale).

# RENSEIGNEMENTS

**ADRESSE DU CONGRÈS :** « Centre Culturel d'Esperanto » (Congrès), 5, quai Vauban, PERPIGNAN (Pyrénées-Orientales). - Tél. 34.38.84.

**Envoi des fonds :** Au C.C.P. No 1 343 58 Montpellier - ou Banque (B.N.C.I.), No 80.763, Perpignan.

**ADHÉSIONS :** Jusqu'au 31-3-1963 : 5F. par personne, 2,50 F. pour le conjoint et enfants de 12 à 21 ans. Gratuite pour les moins de 12 ans. — Après le 31-3-1963 : 8 F. par personne, 5 F. pour le conjoint et enfants de 12 à 21 ans. — Ces cotisations donnent droit à la carte de congressiste, à l'insigne, à l'entrée gratuite à la soirée artistique, aux diverses manifestations du Congrès, et à 20 % de réduction sur les tarifs S.N.C.F.

**Date limite des adhésions :** 15 Mai 1963 (sauf cas de force majeure).

**ADHÉSIONS D'HONNEUR :** Ceux qui ne peuvent se rendre au Congrès, peuvent recevoir l'insigne, la carte de Membre d'Honneur et le livret du Congrès, en versant la somme minima de 5 F. au C.C.P. No 1 343 58 Montpellier.

**DÉTAILS IMPORTANTS :** Dès l'arrivée, se mettre en rapport avec l'Akceptejo où devront être retirés les documents destinés à chaque Congressiste.

**RÉDUCTION SUR LES CHEMINS DE FER :** Veuillez indiquer, sur votre adhésion, si vous désirez recevoir des fichets pour la réduction des billets de chemin de fer pour Congressistes.

---

**HOTELS :** A cause du grand nombre de touristes de passage à Perpignan pendant les fêtes de Pentecôte, nous prions instamment les espérantistes de nous faire connaître, au plus tôt, le nombre de chambres à leur retenir. Après le 15 Mai, le Comité d'Organisation ne pourra plus répondre de la location des chambres.

Prix des chambres : service et toutes taxes compris et petit déjeuner :

— **Hôtel Troisième Catégorie :** 1 ou 2 personnes : 12 F. et 13 F. ; Demi-pension : 18 F. ; Pension : 24 Francs.

— **Hôtel Deuxième Catégorie :** 1 ou 2 personnes : 12,50 F. ; 4 personnes : 16,25 F. ; Pension : 29,50 Francs.

— **Hôtel Première Catégorie :** 1 ou 2 personnes : de 15 F. à 20 F. ; 4 personnes : de 20 F. à 25 Francs.

En cas d'augmentation avant la Pentecôte, le supplément sera perçu à la délivrance des documents.

Nous ne pouvons tenir compte des réservations non accompagnées de leur montant.

# Bulletin d'Adhésion



à envoyer au Congrès National de l'U.F.E.
Centre Culturel Esperantiste, 5, quai Vauban, PERPIGNAN (Pyrénées-Orientales)
Tél. 34.38.84.

Je soussigné :
Nom ______________ Prénom ______________
Profession ______________ Adresse ______________

déclare adhérer au 55e Congrès de l'U.F.E.

Je serai accompagné de ______ membres de ma famille.

Je désire participer au repas en commun du 2 juin.

Je désire participer à l'excursion et au repas du lundi.

J'adresse au Congrès National de l'U.F.E., Centre Culturel Espérantiste, 5, quai Vauban, perpignan (P.-O.), tél. 34.38.84., C.C.P. N° 1 343 58 Montpellier, la somme de :

______ carte(s) de Congressiste à F. 5,00 .................... ______
______ carte(s) de Congressiste à F. 2,50 .................... ______
______ carte(s) de Congressiste à F. 8,00 .................... ______
______ carte(s) de Congressiste à F. 5,50 .................... ______
______ carte(s) d'adhésion d'honneur à F. 5,00 .............. ______
______ carte(s) de banquet à F. 15,00 ....................... ______
______ carte(s) d'excursion et repas du lundi, de F. 25 à 28,00 ______
______ carte(s) philatélique(s) à F. 1,00 .................... ______
Pour réservation chambres .................................. ______

TOTAL .... ______

Date ______________ Signature :

Je désire en outre ______ fichets(s) de Congrès pour réductions S.N.C.F.

## Logement

M. ..............................................................

arrivant le .............................. à .............. heures

repartant le .............................. à .............. heures

désire occuper dans un hôtel de ........ catégorie.

........ chambre à ........ lit ........ place. Prix : ..............
........ chambre à ........ lit ........ place. Prix : ..............
........ chambre à ........ lit ........ place. Prix : ..............

OBSERVATIONS :

..............................................................
..............................................................
..............................................................

.............................. le .............................. 196...

Signature :

# L'ESPERANTO ET LA SCIENCE (suite)

## Dictionnaires spéciaux, scientifiques, techniques ou autres EN ESPÉRANTO

par R. HAFERKORN, ingénieur diplômé

---

Voici la liste complète des dictionnaires spécialisés déjà parus en esperanto. Elle permet de se rendre compte des techniques qui ont déjà été traitées.

# INDEX

## Relatif aux dictionnaires spéciaux, scientifiques, techniques ou autres parus jusqu'à 1961

### Classés par spécialité selon le classement décennal universel

La liste ci-dessous contient tous les dictionnaires spéciaux qui emploient l'Esperanto, ainsi que, sous CDU 03, les dictionnaires communs qui ont mentionné en forte proportion les termes techniques.

La colonne à droite de l'index comporte des indications sur les langues que traite le dictionnaire en cause. A cet endroit sont utilisés les symboles ci-après conformes à ceux que E. Vüster a proposés au Comité ISO/TC 37 « Terminologie ».

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Bg | bulgare | Fr | français | No | norvégien |
| Cs | tchèque | Gr | grec | Pl | polonais |
| Da | danois | Hu | hongrois | Pr | portugais |
| De | allemand | It | italien | Rm | roumain |
| En | anglais | Ja | japonais | Ru | russe |
| Eo | esperanto | La | latin | Sc | serbo-croate |
| Fi | finlandais | Ne | hollandais | Sp | espagnol |
| | | | | Sv | suédois |

Par exemple : « Eo - De - En - Fr » signifie « esperanto, allemand, anglais, français » dont la première langue, ici l'Esperanto, est la langue de base.

Le compilateur a utilisé principalement les publications ci-après :

I. D-ro *W. Solzbacher,* Technical Vocabularies in Esperanto ; a critical study an survey. Eld. : American Esperanto Magazine, n-roj 7/8, 1949, New-York ;

II. D-ro *J.E. Holmström,* Bibliopraphy of Interlingual Scientific and Technical Dictionaries. UNESCO. Ist edition Paris 1951, 4th edition Paris 1961.

∴

### (0) DICTIONNAIRES COMMUNS

### ENCYCLOPEDIES, LEXIQUES

03 Dictionnaire complet d'Esperanto édité par SAT, principal auteur : E. Grosjean-Maupin, 1re édition 1930, 2e édition 1933, 3e édition 1947. Paris, supplément (de Waringhien) Paris 1954. — Eo

03 Dictionnaire encyclopédique esperanto (C. Verax) Paris 1910. — Eo

03 Dictionnaire encyclopédique esperanto-allemand avec une démonstration spéciale de l'emploi de la langue de Zamenhof (Dr Technique E. Wüster) édité à la demande de l'Institut esperantiste pour la République allemande. Hirt et Sohn, Leipzig 1918-1920. Seule, n'est parue jusqu'alors que la partie A - Kor, 576 p.) — De - Eo

038 Deutsch - Esperanto Worterbuch. (P. Christaller) Verl. Ellersiek et Borel, Berlin u. Dresden, 1.Aufl. 1910, 2.Aufl. 1923. — De - Eo

038 The Esperanto-English Dictionary (E.A. Millidge) 489 p. ; IEL. Rickmansworth, 1942. — Eo - En

038 Wörterbuch Esperanto - Deutsch (M. Butin u. J. Sommer) Verl. Limburger Vereinsdruckerei, Limburg (Lahn) 1952, 241 p. — Eo - De

038 Wörterbuch Deutsch - Esperanto (H. Wingen), 172 p. Verl. Limburger Vereinsdruckerei, Limburg (Lahn) 1954. — De - Eo

038 Dictionnaire illustré d'esperanto (F. Azorin) avec comme base 6 langues et l'éthmologie de chaque racine — 642 p. premier volume A — K Editorial Stylo, Mexico 1955. — Eo - De - En Fr - It Pr - Sp

038 Grand Dictionnaire Esperanto-Français (G. Waringhien) 367 p. Librairie Centrale Esperantisto. Paris 1957. — Eo - Fr

038 Dictionnaire esperanto-serbocroate (S. Zivanovic kaj M. Givoje). 238 p. ; 3e édiiion complétée Beograd 1959. — Eo - Sc

(à suivre)

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,45 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) avec corrigés | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,70 |
| L'Espéranto en douze leçons (Pierre Delaire) | 13,00 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 11,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 12,50 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 6,00 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 2,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaù) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 3,00 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Français (Waringhien) | 30,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naùlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Scienca kaj teknika terminaro | 20,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 2,40 |

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 20,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |

### LITERATURO

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,50 |
| La Goja Podio (R. Schwartz) | 4,50 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 15,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard) | 3,30 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 3,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 3,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |

### FILOZOFIO & RELIGIO

| | |
|---|---|
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 3,00 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,60 |

### ARTO, SCIENCO & TEKNIKO

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7.50 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Disque de prononciation | 4.00 |
| Parolado de Lapenna | 8 50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe) I, II, III, ĉiu | 10,00 |
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10)** | 10.00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris Xᵉ. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie COCONNIER

Le Gérant : J. GUILLAUME.